# La Karavelo

*Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo*

*n-ro 018*
*septembro 2009*



*Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007*

ISSN 1647-3353



Lula da Silva,
prezidento de Brazilo,
favoras esperanton.

paĝoj 5 ⇨ 6



## Vojaĝtaglibro al Amazonio

## de Roberto Ribeiro

paĝoj 14 ⇨ 24

# LK-Katalogo





## La Karavelo (2007/2008)

✮ N-roj 1-12 en 2 binditaj libroj
✮ A4 – 288 paĝoj – grizaj bildoj
✮ Kunlaboras Gerrit Berveling, Geraldo Mattos, Valentin Melnikov, Imre Szabó, Paulo Sérgio Viana kaj multaj aliaj.

45 eŭroj plus sendokostoj
mendu al: lakaravelo@gmail.com

kodo 01

## La Karavelo en DVD (2007/2008)



✮ N-roj 1-12 en unu pdf
✮ Unu printebla revuo: la 12-a
✮ Ebleco kopii kaj glui tekstojn
✮ Serĉo-facileco
✮ Legebla per komputilo
✮ Personigita versio kun individua pasvorto

35 eŭroj plus sendokostoj
mendu al: lakaravelo@gmail.com

kodo 02



## Rakontoj por ĉiuj aĝoj

*Luiza Carol*

✮ A5 – 166 paĝoj
✮ 26 bildoj de Luch Ofer
✮ Belaj rakontoj por ĉiuj aĝoj

16 eŭroj plus sendokostoj
mendu al: lakaravelo@gmail.com

kodo 04



## Zamenhof
## Um Cidadão do Mundo

*Djalma Pessata*

✮ Língua: português do Brasil
✮ Cerca de 60 minutos
✮ DVD com documentário sobre a vida de Zamenhof

15 euros mais portes de envio
encomende a: lakaravelo@gmail.com

kodo 03

### Kiel aĉeti al La Karavelo?

**1.** Plenigu la mendilon, kiun vi trovos en: **http://www.esperantopt.com/lk_katalogo.html**

**2.** Pagu per unu el la sistemoj menciitaj en la mendilo, ne forgesante aldoni la sendo-kostojn.

**3.** Sendu la mendilon kaj la pag-pruvilon al **lakaravelo@gmail.com**

**4.** Atendu la aĉetitaĵojn en via adreso.

**Noto:** La varoj nur estos ekspedataj post kiam la pago estos efektivigita.

**5.** Se vi havos dubojn, mesaĝu al: **lakaravelo@gmail.com**
aŭ telefonu al la poŝtelefono: **(+351) 960 13 15 15**.

### Kiel pagi al La Karavelo?

**1.** Pere de UEA-konto. Kontaktu la UEA-peranton en via lando. Li helpos vin fari tion, kaj sen kromaj kostoj. La UEA-konto de La Karavelo estas **jmqs-l**.

**2.** Pere de *Western Union*: en poŝtejo, en banko aŭ en oficejo de *Western Union*.

**3.** Pere de banka monĝiro: el via bankkonto al la bankkonto menciita en la mendilo.

### Specialaj kondiĉoj por asocioj:

Asocioj aŭ homgrupoj aĉetantaj kvin samspecajn varojn ricevos unu kroman varon senpage. Tiu kroma varo konstituas la makleraĵon de la asocio.

## Esperanto em 30 horas

*João José Santos*



✮ A5 – 300 páginas – ilustrado
✮ Manual com 25 lições
✮ Guia Gramatical ✮ Anexos
✮ Vocabulário Esper.-Português
✮ Vocabulário Portug.-Esperanto

25 euros mais portes de envio
encomende a: lakaravelo@gmail.com

kodo 05

### Estiĝu LK-peranto!

La Karavelo kreas reton de enlandaj LK-perantoj, se eble en ĉiuj landoj. Skribu al **lakaravelo@gmail.com** por kandidatiĝo. Temas pri komerca funkcio, farata pro plezuro kunlabori en la LK-stabo. LK-peranto ricevas etan makleraĵon de 5%. La LK-perantoj devas havi fortan deziron kaj energion disvastigi, vendi kaj sendi la varojn de La Karavelo, devas esti nepre honestaj kaj organizemaj, kaj kapabli flue komunikiĝi en esperanto.

Ω

# LK-Regularo

**Ĝeneralaĵoj:** La Karavelo (LK) estas literatura esperanto-revuo. Ĉiuj LK-kunlaborantoj kunlaboras kun LK en sistemo de amika rilato, sen monaj profitoj, kun minimumaj aŭ sen makleraĵoj. La agado de LK kaj ĝia rilato kun la kunlaborantoj, kaj kun aliaj homoj kaj organizoj, gvidiĝas de ĉi tiu dokumento, kiu ŝanĝiĝos ĉiam, kiam necese, kaj kiu validas post publikigo en numero de LK-revuo, sen alia informo. La kontakto inter la kunlaborantoj de LK efektiviĝas pere de retaj mesaĝoj. Ĉiu kunlaboranto devas aparteni al la diskutgrupo de LK, prestiĝi la LK-revuojn, aliajn LK-eldonaĵojn kaj strebi al kompetenta rego de nia lingvo esperanto.

**Verkistoj:** Kunlaboras kun LK nekonstantaj verkistoj kaj konstantaj verkistoj. Konstanta verkisto estas invitata de LK por tio, kaj li devas jare publikigi minimume ses artikolojn en LK. Ĉi tiuj rajtas ricevi senpage la jaran paperan version de LK, kiam kaj se ĝi aperos. Se ne eldoniĝos papera versio, ĉiu kunlaboranto rajtas ricevi la DVD-version. La verkistoj devas liveri al la redaktejo de LK siajn verkojn por publikigo laŭ la jenaj reguloj: **a)** La verkisto liveras la verkon al la LK-redaktisto, tajpitan sur la ŝablono nomita LK_shablono_por_verki.doc, kiu estas elŝutebla el la retejo de LK. **b)** La tekstoj estu en formato .odt aŭ .doc. **c)** La verkisto bv. venigu kune kun sia artikolo bonkvalitajn bildojn en .jpg por ilustri ĝin. **ĉ)** La tekstoj devas esti nepre redaktitaj laŭ la esperanta alfabeto. Por tio, LK disponebligas la programeton *Ek* en sia retejo. **d)** Kun la unua kunlaboro, bv. la verkisto sendu sian etan biografion kaj sian foteton por sin prezenti al la legontoj. **e)** La verkistoj kiuj komencas nun kunlabori kun LK, legu la antaŭajn numerojn por agordi sian laboron laŭ la etoso de la revuo. LK respektas la stilon de ĉiu verkisto. **La verkisto devas revizii sian propran tekston**, kiun la LK-stabon ne transformos, escepte, evidente, de misoj. Ĉi-afere la principo de La Karavelo estas: **la leganto legos kion la verkisto verkis.** Antaŭ ol la publikigo de ĉiu numero de LK, ĉiuj verkistoj ricevas retan ekzempleron de tiu numero, kiu estas nomata *Revizienda Versio 2* (RV_2) (ekz.: LK_10_RV_2.pdf). La verkisto havas minimume 24 horojn por legi sian propran verkon lastfoje antaŭ ol la publikigo. Se la verkisto ne reagos al la sendo de RV_2, tio signifas ke implicite li aprobis sian verkon por publikigo kun la modifoj faritaj de la LK-stabo. Do, se la verkisto ne aprobas iun modifon, nepre li devas mesaĝi al la redaktisto por proponi ŝanĝojn. Se ne estos interkonsento inter la verkisto kaj la redaktisto, rilate al la modifoj proponitaj en RV_2, LK ne publikigos tiun tekston.

**Aŭtorrajtoj:** La verkistoj atentu la aŭtorrajtojn, ĉar pri iu damaĝo rilatanta tiun aferon, responsas nur la aŭtoro de la artikolo. Nepre oni venigu skribitan rajtigilon al la redakteja adreso de LK. Afabla aŭtoro, kiu permesas al la LK-verkisto publikigi la verkon, havas familianojn, kiuj, post la morto de la afabla aŭtoro, eble tribunale dubos pri la afableco de sia familiano, kaj povas justice procesi kontraŭ la LK-verkisto. Nur la skribita permesilo en la adresa redaktejo de LK donas al ni la garantion, ke ne aperos problemoj kaŭzeblaj de bonaj intencoj. Manke de tio, estas preferinde traduki el tiuj aŭtoroj, kiuj mortis antaŭ pli ol 70 jaroj. Oni atentu, ke ankaŭ la fotoj havas aŭtorrajtojn. Liverante siajn verkojn kaj tradukojn al La Karavelo por publikigado, la verkistoj donacas al La Karavelo la tutan rajton publikigi tiujn verkojn, kaj iliajn tradukojn, en elektronika formato aŭ surpapere revuforme, libroforme aŭ alimaniere, laŭvole de la direktisto de LK. Ĉiuj aŭtorrajtoj apartenas al LK, se alia interkonsento ne okazas inter la verkisto/tradukisto kaj la LK-direktisto. La Karavelo ne estas devigata akcepti iun ajn verkon, kunlaboron aŭ kunlaboranton.

**Reviziistoj:** La Karavelo bezonas kelkajn reviziistojn por siaj diversaj sekcioj, por la revuo kaj por ties aliaj eldonoj, kaj podofaj (en formato PDF) kaj paperaj. Estas dezirinde, ke tiuj reviziistoj estu kompetentaj en la regado de esperanto kaj de literaturo ĝenerale. Krome, ili devas esti variaj inter si, laŭ la denaska lingvo, aĝo, sekso, nacieco, profesio k.a. Jen ĉi tie la ĝeneralaj bazoj, sur kiuj fariĝas la revizia laboro en La Karavelo: LK ne serĉas samniveligon de lingva stilo inter siaj aŭtoroj, nek inter la diversaj verkoj de la sama aŭtoro. LK respektas la individuan stilon de ĉiu aŭtoro kaj de ĉiu verko. Ene de la sama verko, devas ekzisti kongrueco. Do, se la aŭtoro, ekzemple, skribas la nomon de nia lingvo jen majuskle jen minuskle, la reviziisto devas modifi por unu el la formoj. La *Revizienda Versio 1* (RV_1) estas pdf-versio sendita nur al la LK-reviziistoj, antaŭ ol RV_2, por elsarko de misoj kaj eraroj. Okaze de RV_2, la aŭtoro aprobos aŭ malaprobos tiujn kaj aliajn eventualajn modifojn. PIV kaj la Reta Vortaro estas vidataj de LK kiel la ĉefaj vortaraj gvidiloj. Al LK ne interesas, ĉu vorto estas fundamenta, oficiala aŭ ne. Gravas ĉu ĝi aperas en tiuj du vortaroj, ĉu ĝi estas internacie komprenata, ĉu la neologismo estas utila, kaj ĉu la vorto, kvankam piva aŭ eĉ fundamenta, estas dezirata en nia lingvo, pro ĝia longo, pro konfuzo kun paronimo aŭ sinonimo, ktp. Sintakse LK akceptas iom da stila varieco, kondiĉe ke la sintakso ne tro foriĝu de la esperanta normo, ĝenerale akceptata de la esperanta tradicio kaj de la nuntempa esperantistaro. Nepre, oni ne forgesu, ke LK publikigas la verkon skribitan de la aŭtoro, kun minimumaj modifoj, se eble. Se la verko aperas tro stranga al la reviziisto, ĉi tiu devas komuniki tion al la redaktisto, kiu proponos al la aŭtoro la necesan reviziadon. La intenco de la reviziado ne estas la reskribo de la verko, sed nur la korektado de eraroj ne antaŭe viditaj de la aŭtoro. Poezion oni apenaŭ revizias, sed oni devas peti klarigon al la aŭtoro, se la poemo ne estas komprenebla post du aŭ tri legadoj. Bona reviziisto devas eniri la etoson de la verko kaj proponi ŝanĝojn laŭ la spirito de la teksto kaj laŭ la stilo de la aŭtoro. La reviziado ne sin transformu en bazlerneja korektado, kiu ŝtelus tro da tempo al la reviziisto kaj al la redaktisto.

**Anoncoj:** Jara prezo: 200€ - Grandeco: 8 cm X 5 cm – Ĝi aperos en minimume ses pdf-numeroj, kiuj estas libere elŝuteblaj. Ekzemplo:



Ω



# La Karavelo n-ro 018 septembro 2009







**La Barko:** La artikoloj enhavantaj la apudan bildon estas la plej facilaj por komencantoj. Uzu ilin por plibonigi vian lingvonivelon aŭ tiun de viaj lernantoj. La vortoj de la artikoloj enbarkigitaj nur estos klarigitaj, se ili ne aperos en la Reta Vortaro: http://www.reta-vortaro.de/revo/



**Responso:** Pri ĉiu artikolo, origina aŭ tradukita, ties gramatiko, enhavo, stilo kaj vortprovizo responsas la koncerna aŭtoro.

**Al blindaj homoj:** Kunlaboru por plibonigi la legadon de *La Karavelo* far blindaj homoj. La LK-retejo enhavas paĝon por portugallingvaj blinduloj interesiĝantaj pri esperanto en: http://www.esperantopt.com/cegos.html

**Uzado de tekstoj aŭ ties tradukoj el La Karavelo:** Nur post skribita permeso de la LK-direktisto, sen ŝanĝoj kaj indikante la fonton: Ekz.: «El la revuo *La Karavelo*, n-ro 9». Sendu kopion al LK.

**Kunlaborantoj:** La Karavelo bezonas kunlaborantojn en multaj fakoj. Se vi aprezas nian revuon kaj eldonaĵojn, skribu al LK, por kunlaborado en la LK-stabo. Ω

## Kolofono


***Konstantaj verkistoj...***
*Djalma Pessata*
*Eduardo Novembro*
*Edward Jaśkiewicz*
*Francisco Wechsler*
*Geraldo Mattos*
*Gerrit Berveling*
*Imre Szabó*
*Irina Mironova*
*João José Santos*
*Leo De Cooman*
*Luiza Carol*
*Nikolaj Neĉaev*
*Paulo Sérgio Viana*
*Roberto Ribeiro*
*Tibor J. Szabadi*
*Valentin Melnikov*

***Direktas, redaktas, kompostas***
*João José Santos*
***Reviziistoj***
*Kurt Fischer*
*Luiza Carol - pri La Barko, k.a.*
*Túlio Flores*
*Valentin Melnikov*



***Telefono*** (+351) 268 919 000
***PoŝTel.*** (+351) 960 13 15 15
lakaravelo@gmail.com
www.lakaravelo.com

***Adreso***
*La Karavelo*
*Dr. João José Santos*
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal


***Recenzeblaj libroj***
estu sendotaj al la supra adreso.

La Karavelo

www.lakaravelo.com

ISSN 1647-3353

el la redaktejo...





**João José SANTOS**

**joaojosesantos@gmail.com**

# Lula da Silva, prezidento de Brazilo, favoras esperanton



Lula da Silva, prezidento de Brazilo, eldonis opinion favoran al esperanto.

Ofte oni aŭdas en esperantio, ke esperanto "venkos", kiam la politikistoj ĝin apogos: naiva kredo de homoj ne komprenantaj, ke ĝenerale la politikistoj apogas nur tion, kio donas al ili balotojn, monon aŭ prestiĝon. Esperanto estos ĝenerale aplaŭdata de la politikistoj, kiam la esperantistaro estiĝos balot-signifa homamaso. Ĝis tiam, la favoreco de kelkaj politikistoj al esperanto aperos esceptokaze.

En la tempo de Jugoslavio, Tito favoris esperanton, tamen la landidoj el Jugoslavio ne estas pli esperantigitaj ol aliaj, kiel ekzemple Hungario kaj Pollando. Tio montras ke, per si mem, kvankam la politika apogo povas helpi nian aferon, tamen ĝi ne mirakle katapultos ĝin al ia "fina venko".

La prezidento de Brazilo, Lula da Silva, elmontras sian favorecon al esperanto. La brazila senato diskutas nun la enkondukon de esperanto en la brazilajn lernejojn. Jen du faktoj, du historiaj faktoj, deziritaj kaj de la brazilaj kaj de la alilandaj esperantistoj. Sendepende de la verŝajnaj pozitivaj konsekvencoj, tio reprezentas historian apogon, kiu devas ĝojigi la esperantistajn korojn el ĉiuj landoj, kaj kiun oni devas uzi adekvate por la disvastigo de esperanto.

En Eŭropa Unio multaj laboregas por ekhavi kion la brazilanoj ĵus konkeris: politikan agnoskon favoran al esperanto. Nun, la demando estas: kion ni ĉiuj kapablos fari el tio?

Oni konsciiĝu, ke eĉ la bonvolemo de prezidento de granda lando ne sufiĉas por doni al esperanto la lokon, kiun ni sopiras por ĝi. La vojo al plena ensociiĝo de esperanto estas tiu jam surpadigita de la brazilanoj. Ekde kiam Valdomiro Lorenz kaj aliaj ekdisvastigis kaj ekinstruis esperanton en Brazilo, la esperanta movado en tiu lando ĉiam estis ekzemplo de sindonemo, de entuziasmo, de espero, kie ne mankis la klereco de multaj brazilaj esperantistoj. Tia estas la sekvenda vojo. Fojfoje aperos homoj kiaj Tito, Fidelo kaj Lulo, kies opinioj estas sekvataj de multaj. Sendepende de la praveco aŭ malpraveco de iliaj politikoj, iam ili kapablis rigardi trans la tiamaj politikaj konvenoj, kaj tiam ili komprenis la valoron de la esperantistaj klopodoj por starigado de "pli bona mondo", laŭ la esprimo de Sylla Chaves.

La historia letero, kiun LK publikigas sur la sekvanta paĝo, de komisiito de Lula da Silva al Probal Dasgupta, estis tradukata esperanten far João José Santos, surbaze de la portugallingva teksto legebla en la retejo de Brazila Esperanto-Ligo:

http://www.esperanto.org.br/

Tie aperas alia esperanta traduko de la sama portugallingva dokumento. Mi ĝin tradukis ne pro malkonsento kun la alia traduko, kies esenco estas la sama, sed pro tio, ke mi nur rimarkis pri ĝia ekzisto, post kiam mi tradukis la tekston. Jen mia publika dankesprimo al Lula da Silva:

***Luiz,***
***transatlantika ido de mia gento,***
***portugallingvano kiel mi,***
***viro hardiĝinta far la vivo kiel mi,***
***koran dankon pro via apogo al la kaŭzo***
***de la internacia kompreniĝo***
***pere de esperanto!***

***João***

Al Probal Dasgupta,

Prezidanto de
Universala Esperanto-Asocio
Nieuwe Binnenweg, 176, 3015 BJ
ROTTERDAM
HOLANDA

Sinjoro Probal:

La Prezidento Luiz Inácio Lula da Silva min komisiis respondi al via letero de la 20-a de junio 2009, adresita al li, por danki vian zorgon pri la samrajteco en la internaciaj rilatoj, kaj en monaj kaj en lingvaj aferoj.

Deziras ni esprimi admiron pro la klopodo de la tutmonda esperantistaro por la disvastigo pli kaj pli granda de esperanto, lingvo kreita de Doktoro Lazaro Zamenhof, kiel kontribuo por la interkompreniĝo kaj por la komprenemo inter la homoj.

Oni scias, ke en la homara historio, diversaj lingvoj sin trudis pro politika hegemonio, kiel la latina, la franca - relative - kaj poste la angla. Ni sopiras, ke iam esperanto estu fakte akceptata de la plej granda parto de la nacioj, kiel lingvo adoptita por faciligi la komunikadon sen lingvaj privilegioj.

Ni certas, ke Universala Esperanto-Asocio daŭre laboros ĉe la Unuiĝintaj Nacioj por la laŭgrada evidentiĝo de la rolo de esperanto kiel internacia lingvo. Tiel, ni ne trovas neceson diskuti la aferon, ĉar ni konsentas pri la valoro de la lingvo disvastigata de via asocio.

Respekteme,

**Cláudio Soares Rocha**

Direktisto de
Direktejo de Historia Dokumentado
(Prezidentejo de
Federacia Respubliko Brazilo)

Ω

# Mesaĝo - de Fernando PESOO

João José SANTOS
tradukis el la portugala



## Bandaro
(1500-1556)

**Antono Bandaro** (por.: António Bandarra) estis ŝuriparisto naskiĝinta en la urbo Trankozo (por.: Trancoso), en la nordo de Portugalio.

Bandaro eniris en la portugalan historion pro sia agado kiel poeto-profeto. Li interpretis siamaniere la sanktajn tekstojn de la Malnova Testamento, kaj verkis multajn strofojn pri la mesia destino de Portugalio kaj de la portugaloj.

La inkvizicio malpermesis al li la daŭrigon de la profetaĵoj, la interpretadon de la Biblio kaj la skribadon pri teologiaj aferoj.

Lia verko nomiĝis "Parafrazo kaj konkordanco de kelkaj profetaĵoj de Bandaro" (por.: Paráfrase e concordância de algumas profecias de Bandarra). Aliaj eldonoj de lia verko ekuzis pli simplajn nomojn, kiel "Strofoj de Bandaro". (JJS) Ω

**TRIA PARTO**

**2**
**LA AVIZOJ**

**1-A**
**BANDARO**

Li revis, disa kaj anonima,
la Imperion de Di' viditan,
konfuza kiel la Universo,
plebeo kiel Jesuo Kristo.

Li estis nek sankta nek heroo,
sed Dio sanktis per signal' Sia
ĉi tiun, kies koro ja estis
ne portugal', sed Portugalio. Ω



Trankozo, distrikte de Gvardo (por.: Guarda), norde de Portugalio.



# *Jes kaj Ne*

**de Petro Abelardo (Petrus Abaelardus, 1079-1142)**

**Gerrit BERVELING**

**tradukis el la latina**

**Enkonduko: Pri la verko**

En sia *Sic et Non – Jes kaj Ne –* el ĉ 1122, Abelardo kunigis 150 teologiajn temojn; pri ili li citis abunde el la ĝistiamaj eklezioj aŭtoroj por montri, ke plurfoje tiuj unu la alian – aŭ eĉ foje sin mem! – kontraŭdiras.

Abelardo ne estas ia racionalisto de tro frua dato: por li la demando, ĉu la Eklezio aŭtomate havas la rajton verdikti, eĉ ne estas diskutebla: Abelardo estas pure Mezepokeca en tiu afero: tiun rajton ĝi *ja* ricevis de Dio mem! Lia celo pri tiu ĉi verko estis instigi la studentojn al

a] ne tro simplanima akceptado de aferoj prezentataj, do al ia sana emo je pridubado,

b] starigado de la bonaj, la ĝustaj demandoj, kaj

c] serĉado de la Vero.

La verko komenciĝas per ampleksa Prologo, el kiu la komenco jen ĉi tie. Tio ĉi estas ero el kompilata *Antologio Latina volumo 9.* (GB)



Amo de Abelardo kaj Heloizo.

*Prologo*

Ĉar ĉe la amaso de la diroj de sanktuloj ne nur kelkaj reciproke diverĝas sed eĉ foje rekte ŝajnas kontraŭdiri unu la alian, ne estas trokuraĝe fari juĝon pri tiuj, de kiuj la mondo mem estas juĝota, laŭ la diraĵo: *La sanktuloj juĝos la naciojn* [1]; kaj aliloke: *Ankaŭ vi eksidos por juĝi* [2]. Kaj ni ne arogu al ni prijuĝi ilin kvazaŭ almozpetantojn aŭ kondamni ilin kvazaŭ devojiĝintojn, ĉar al ili diris la Sinjoro: *Kiu vin aŭdas, aŭdas Min; kaj kiu vin malŝatas, malŝatas Min* [3]. Konsciante pri nia malforteco, prefere ni do kredu ke mankis al ni la graco de la kompreno, ol ke al ili <mankis la graco> ĉe la skribado, ĉar la Vero mem diris al ili: *Ja ne vi*

1 Saĝ 3:8. (GB)

2 Mt 19:28. (GB)

3 Lk 10:16. (GB)

*parolas, sed la Spirito de via Patro parolas en vi* [4]. Kio mirinda do estus, se ni, sen apogo de la Spirito, per kiu iliaj vortoj estas verkitaj kaj diktitaj kaj konfiditaj al la kopiistoj, ne kapablus kompreni tion? Tiun komprenon ni precipe ne povas atingi pro la foje nekutimaj esprimoj kaj la senco-variaĵoj interne de la vortoj mem, ĉar certa esprimo povas havi jen tiun, jen ĉi tiun signifon. Eĉ pli: ĉiu aŭtoro abundas ne nur en opinioj sed ankaŭ en vortoj.

Kaj ĉar, laŭ la diro de Tulio <Cicerono>, "Identeco en ĉio estas la patrino de la satiĝo" [5], t.e. generas eknaŭzon, eĉ en unu sama afero do necesas variigi la esprimojn kaj ne malkaŝi ĉion per nuraj vulgaraj komunuzaj vortoj; kiel diras sankta Aŭgustino, oni iom tegu ilin por ke ili ne eluziĝu, kaj ju pli oni devas peni dumstudade kaj ju pli malfacile oni konkeras ilin, des pli oni aprezas tion. Ĉar ofte ankaŭ devas ŝanĝiĝi la vortoj, pro la malsameco de la aferoj, kiujn ni priparolas; kaj plurfoje okazas, ke la baza signifo de la vortoj por kelkaj ne estas nekonata aŭ malpli kutima. Kaj se ni do, laŭbezone, devas trakti la instruon mem, ni pli strebu al ĝusta vortuzado ol al bonstila esprimado, kiel ni povas lerni de la konata ĉeflingvisto kaj gramatikisto Priskiano. Ankaŭ la plej diligenta Doktoro de la Eklezio, sankta Aŭgustino, atentas pri tio ĉi, kiam en la kvara libro de sia *Pri la Doktrino Kristana* en la instruado al la eklezia kateĥisto, li ordonas preterpasi ĉion, kio povus ĝeni la komprenadon de la homoj al kiuj li parolas, kaj malŝati stilajn ornamaĵojn same kiel serĉadon de la plej trafaj esprimoj, se alimaniere li pli simple povas atingi ke la homoj lin komprenos: "Kiu instruas, li diras, ne devas zorgi pri tio, per kiom da elokvento li instruas, sed ja kiel konvinke". Tial, se temas pri tiu ĉi speco de parolado, laŭ kelkaj enestas en ĝi ia "amplena nezorgateco".

Alia cito: "Ĉe la bonaj instruistoj la zorgo pri la instruado estu tiel granda, ke se por certa nocio ne troviĝas Latina vorto, krom obskura kaj dubsenca, sed vulgare tio ja tiel diriĝas, ke la obskureco kaj la dubsenceco estas evitata, do tiam ĝi estu dirata ne kiel la fakuloj ĝin nomas, sed prefere tiel kiel la nekleruloj ĝin nomas". Ĉar se niaj tradukistoj senĝene diras "sangoj", se ili komprenas, ke havas sencon en la kunteksto uzi la vorton plurale, kiun en la Latina kutime ni uzas nur singulare, kial do la kateĥisto hontus, parolante al nekleruloj, diri "ossum" anstataŭ "os", por ke oni komprenu ĉu temas pri "ossa" aŭ "ora" [6]? Kiom ja utilas lingva ĝusteco, se ĝusta kompreno ne rezultas ĉe la aŭskultanto; ĉar ja tute ne ekzistas kialo por paroli, se la homoj, al kiuj ni parolas, ne komprenas kion ni diras? Kiu do instruas, devas eviti ĉiujn vortojn, kiuj ne instruas".

Alia cito: "Estas specifa talento ami la veron en la vortoj, ne la vortojn. Kiom utilas ja ora ŝlosilo, se ni ne povas malfermi kion ni volas? Aŭ kiom ĝenus ligna ŝlosilo, se ĝi bone povas tion fari, se ja nenion alian ni bezonas ol malfermi, kio estas fermita?"

Kiu ne tuj vidus, kiel riske estus juĝi pri alies intenco kaj kompreno, ĉar nur al Dio la koroj kaj pensoj estas malfermaj? De tia aroganteco Li do revokas nin: *Ne juĝu por ke vi ne estu juĝataj* [7]*.* La apostolo diras: *Ne juĝu antaŭtempe, antaŭ ol venos Tiu, kiu prilumas la kaŝitaĵojn de la mallumo kaj klarigas la intencojn de la koroj* [8], kaj se klare tiel li diras: Lasu en tio ĉi la juĝon al Li, kiu sola scias ĉion kaj distingas la pensojn, laŭ la diro pri la kaŝitaj misteroj, kiu antaŭbilde estas skribita pri la paska ŝafido: *Se io postrestas, ĝi estu forbruligita* [9], t.e. se restas io en la Diaj misteroj, kion ni ne kapablas kompreni, ni prefere lasu tion klarigenda al la Spirito, per kiu ĝi estis verkita, ol ke senpripense ni mem provu ekspliki ĝin.

Ankaŭ pri tio ĉi ni devas diligente atenti, se oni prezentas al ni kelkajn citaĵojn de sanktuloj kiel kontraŭdirajn al aliaj citaĵoj aŭ kiel malverajn, ke ni ne estu trompitaj de malĝusta indiko de la

---

4 Mt 10:20. (GB)

5 Laŭ *De Inventione* 1, 41, 76. (GB)

6 La Latina vorto "os" povas signifi "buŝo" – plurale "ora", aŭ "osto" – plurale "ossa". (GB)

7 Mt 7:1. (GB)

8 1 Kt 4:5. (GB)

9 Elr 12:10. (GB)

citaĵo aŭ de koruptiĝo de biblia teksto mem. Kelkaj apokrifaĵoj, ekzemple, estas indikataj de nomoj de sanktuloj, por ke ili ekhavu aŭtoritatecon; kaj eĉ en la sankta Skribo mem kelkfoje koruptiĝis tekstoj per eraro de kopiistoj. Tial la plej fidela kaj plej ver-ama tradukisto Hieronimo avertas nin, skribante al Leta [10] pri la edukado de ŝia filino: "Atentu ŝi pri ĉio apokrifa; kaj se foje ŝi volas legi tion ne por trovi dogman veron, sed por respekti la simbolan enhavon, ŝi sciu ke ili ne apartenas al tiuj, kiuj estas notitaj kiel aŭtoroj, kaj ke estas granda zorgo serĉi oron en ŝlimo". Kaj pri psalmo 77, pri ĝia surskribo, kiu tekstas "instruo de Asaf", li diras: "Estas skribite en *laŭ Mateo*: Kiam la Sinjoro parolis al ili en paraboloj kaj ili ne komprenis tion ktp [11]; Tio ĉi, li diris, okazis por ke plenumiĝu kio estas skribite de la profeto Jesaja: Mi malfermos mian buŝon per paraboloj. Tion ĉi ĝis nun enhavas la evangelioj. Sed ne Jesaja tion diris sed Asaf." [12] Nova cito: "Do ni diru ĝin simple: Ke en Mateo kaj Johano estas skribite, ke la Sinjoro estis krucumita je la sesa horo, en Marko je la tria, tio estis eraro de kopiisto; ankaŭ en Marko <origine> estis skribite je la sesa horo; sed multaj kredas ke la *gamma* estas eraro por la *episomo* [13], same kiel ili skribis Jesaja anstataŭ Asaf. Ni ja scias, ke multaj ekleziaj komunumoj estis plenaj je nekultivitaj paganoj. Kiam do ili legis en la evangelio: Por ke plenumiĝu kio estas skribite ĉe la profeto Asaf, li kiu unua kopiis la evangelion, diris: Kiu estas do tiu profeto Asaf? Li ne estis konata inter la homoj. Kaj kion li faris? Por forigi eraron, li faris eraron. Ni diru ion similan pri alia loko en Mateo: Li ricevis, oni diras, 30 arĝentajn monerojn, kiel estas skribite ĉe la profeto Jeremia. Sed ĉe Jeremia tion ni absolute ne povis retrovi, sed ja ĉe Zaĥarja. Vi do vidas ke ĉi tie estas simila eraro kiel tie." [14]

Ĉu do mirige, se eĉ en la evangelioj foje ekzistas eraroj pro malzorgemo de kopiistoj, ke tiel same en la verkoj de la eklezia Patroj, kiuj ja havas multe malpli da aŭtoritato, tio foje povas okazi? Se do en verkoj de sanktuloj foje ŝajnas legiĝi io, kio ne akordiĝas kun la vero, estas pie kaj konforme al humileco kaj obeeme al la kristana amo, kiu ja "ĉion kredas, ĉion esperas, ĉion eltenas" [15] kiu kaj ne facile suspektas krimojn ĉe tiuj, kiujn ĝi brakumas, ke ni kredu aŭ ke la koncerna biblia loko ne estas ĝuste interpretita aŭ koruptita, aŭ ke ni konfesu ke tion ni ne kapablas kompreni. Ω



10 Ad Laetam de Institutione Filiae. (GB)

11 Cito ne klara. (GB)

12 Vidu ĉe Mt 13:35. Eble Hieronimo havis alian manuskripton ol ni nun uzas. (GB)

13 Aŭ *digamma*, la origina sesa litero de la Greka alfabeto, kiu jam dum la klasika epoko eluziĝis, sed nur postrestas kiel cifer-indiko por la 6. La Grekaj literoj indikis krom sonojn ja ankaŭ ciferojn: *gamma* estas la 3a litero. (GB)

14 La teksto estas ĉi tie iom koruptita. Krome, la indiko pri Jeremia same kiel la citaĵo ne estas bone trovebla – tamen la tezo en si mem estas klara. (GB)

15 1 Kt 13:7. (GB)



*João José SANTOS*

## *Krepuska simfonio*

Forte ruĝas la Suno en brulanta somero.
Foras bruo, Zefiro ankaŭ foras, kaj bluas
la ĉielo sennuba, brila ĝis la vespero.
Tiam ĉio tra bano roza en nokton fluas.

La ĝardeno rozbluas sopirante al akvo.
Rozoj, liloj, diantoj, ĉiuj velkas silente;
arboj piraj, ĉerizaj, pomaj tristas sen lavo.
Kaj la grundo sekiĝas krake, brune kaj fende.

Demiurgo ne mankas, la ĝardenon li zorgas:
ekabunde subite jen disŝprucoj al grundo,
milionoj da gutoj freŝe falas, alvokas
al viviga laboro kaj al dia fekundo.

El la grundo leviĝas terparfumo incensa,
purigante la Kosmon. Kaj kun ĝoja elano,
rozoj, liloj, diantoj, arboj, la grund' intensa
simfonias krepuske por la kosma resano.

La silento silentis. La teatro jam plenas
de mil birdoj pepantaj. Kaj la buntaj katetoj,
violonoj de l' marĉoj, elegante alvenas,
lante serĉas, ondumas ruze laŭ miaŭ-petoj.

La feliĉa akvisto l' akvotubon pendigas,
kaj tinuson li ĵetas al l' felisaj kunuloj.
Jen silfinoj kun elfoj flirtas, ŝvebas kaj viglas,
la Sun' dormas, virinoj kantas ritme de luloj. Ω





***Djalma Pessata***

# UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

# 1911

## 7-a Universala Kongreso de Esperanto



**Loko:** Antverpeno, Belgio

**Dato:** 20-a ĝis 27-a de aŭgusto

**Aliĝintoj:** 1733

Rajtigitaj Delegitoj (RD) estis la reprezentantoj de naciaj Esperanto-societoj, kunvenintaj unuafoje en Antverpeno, en la UK de 1911. La kunsidoj tie kaj dum postaj kongresoj estis sufiĉe kaosaj. Estis la intenco integrigi la sistemon de RD en la "Internacian Unuiĝon de Esperantistaj Societoj". Oni ne konfuzu tiun sistemon kun la "delegitoj" de UEA.




En la foto dekstre, la fama LKK (Loka Kongresa Komitato) de 1911, pli konata kiel "La Sepo por la Sepa", tio estas, sep membroj por la sepa kongreso. De maldesktre al dekstre (starantaj): Frans Schoofs, Willem Van Der Biest (sekretario-kasisto), Louis Ritschie kaj leŭtenanto Fr. Dupont. Estas sidantaj: F-ino Maria Posenaer, la prezidanto Amatus Van Der Biest-Andelhof kaj la vic-prezidanto Oscar Van Schoor.




### Teatraĵoj Prezentitaj

► **Kaatje**, kvarakta versa teatraĵo de la brusela verkisto Paul Spaak, esperantigita de D-ro Willem Van Der Biest (vidu foton), belga okulisto.

► **Devo de Reĝo**, unuakta teatraĵo de Nestor de Tière.

► **Por Kvietaj Personoj**, unuakta komedieto de Emanuel Van Driessche, ankaŭ esperantigita de D-ro Willem Van Der Biest.

►**Ŝi ne legos ĝin** kaj **La Revuo de la Sepa**, originalaj teatraĵoj de D-ro Willem Van Der Biest.

## Zamenhof en Pariza Filmo


Generalo H. SEBERT
Membro de l'Franca Instituto,
Unua Prezidanto de la « Internacia Scienca Asocio Esperantista. »
Direktoro de la Esperantista Centra Oficejo en Parizo.

En la somero de 1911, kiam okazis la 7-a UK en Antverpeno, Generalo Hipolito Sebert (foto maldekstre), la prezidanto de la Centra Oficejo en Parizo, invitis d-ron Zamenhof viziti la francan ĉefurbon antaŭ la kongreso. En sia letero datita la 9-an de julio, la generalo proponis, ke Zamenhof konsultu parizan specialiston kaj provu novan kuracon (Zamenhof suferis pro arteriosklerozo kaj manko de pulso en la piedoj), kaj samtempe profitu la okazon por registri sian figuron kaj voĉon en unu el la nove inventitaj parolfilmoj, kiun amiko de Sebert afable disponigos al Zamenhof. Tiu amiko estis Louis Gaumont, inĝeniero kaj fabrikisto, kiu estis la direktoro de «Societe des Etablissements Gaumont», unu el la du plej gravaj filmokompanioj en la tiutempa Francio.

La 7-an de aŭgusto Zamenhof respondis al Generalo Sebert, informante lin, ke li ne venos Parizon antaŭ la kongreso sed nur poste.

Je la fino de la antverpena kongreso, Zamenhof pasigis unu tagon en Parizo, la 28-an de aŭgusto. Inter pluraj vizitoj, li iris ankaŭ al la fabriko de Gaumont. Starante antaŭ la kamerao, vestite per nigra frako, kun verda stelo en la butontruo kaj kun ore kadritaj okulvitroj, li deklamis "Preĝo sub la verda standardo". En leteroj de L. L. Zamenhof, la redaktoro Gaston Waringhien skribas, ke Zamenhof faris propagandan paroladeton, kaj Gaumont konsentis dediĉi la filmon al Esperanto. Bedaŭrinde, Zamenhof neniam ricevis kopion de tiu filmo. Roland Jossinet hipotezas, ke la filmregistraĵo estis intence detruita, kiam Gaumont vendis sian firmaon. (adaptita el la raporto "Filmado en Parizo" - EVENTOJ 2/junio-97, n-ro 128).

## Okazis en la 7-a UK...

► Pastro Parker ĉeestis la Esperantan Katolikan Diservon en la antverpena katedralo kaj predikis Esperantlingve.

► Junaj anglaj kongresanoj zorgis pri incidento, kiu certe devis altiri la atenton de la promenantoj de la centro de la urbo. Sur la Meir-placo, ili forigis la ĉevalojn de la veturilo, en kiu la geedzoj Zamenhof promenadis tra la urbo kaj ili mem komencis tiri la veturilon (foto sube).



► Renkontiĝis protestantaj esperantistoj, kaj oni decidis fondi E-ligon malfermitan al diverstendencaj kristanoj, ĉefe al eklezioj de la Reformacio. La Ligo poste ricevis nomon "Kristana Esperantista Ligo", kiu poste ŝanĝis la nomon al "Kristana Esperantista Ligo Internacia", mallonge KELI. Ω

# Vojaĝtaglibro al Amazonio [1]

Roberto da Silva RIBEIRO

## Enkonduko

Ĉi tiu raporto estas adaptita el taglibro pri arkeologia vojaĝo al Amazonio, kiu okazis en 2007. Tiun vojaĝon faris arkeologoj de la *Instituto de la Brazila Historia kaj Arta Heredaĵo* [2]. La celo de la vojaĝo estis konigi al la arkeologoj de la instituto la arkeologian kadron de Centra Amazonio.

## En Manaŭso [3], la 23-an de oktobro 2007

Oni alvenis al Manaŭso, post tuttaga aviadilvojaĝo. Naŭ horoj en aviadilo kaj multaj horoj en flughavenoj. Manaŭso ŝajnis al mi tre simila al aliaj brazilaj urboj, escepte, ke multaj turistoj parolas la anglan. En la gastejo estis kvar pakistanaj knabinoj, kiuj tute ne parolas la portugalan, kaj neniu en la gastejo parolas la anglan krom mi, kiu parolaĉas ĝin. Tio kreis kelkajn amuzajn okazaĵojn. Ekzemple, ili ne sukcesis akiri dentopaston kaj baniĝis en vira banejo. Ĉu en Pakistano aŭ en Anglio, kie ili loĝas, viroj kaj virinoj baniĝas kune?

Mi telefonis al Rodrigo, loka esperantisto, sed li ne estis hejme. Poste li telefonis al mi, sed mi ne estis en la hotelo. Mi re-telefonis, sed li foriris el la hejmo. Finfine, mi lasis mesaĝon al li. Rodrigo estas filo de la loka estro de la Instituto, do estos facile al li trovi min.



Ribeiro montras, kio okazas al kajmanoj en Pagodão. (foto de RR)

## En Manaŭso, la 24-an de oktobro 2007

La boato devis eliri el la haveno hodiaŭ je la 3-a horo matene, sed tio ne eblis. Ni iris al la loko Prajadaluo [4]. Ĝi estas arkeologiejo ĉe strando de Rivero Negro, ĉirkaŭ 2 km for de Manaŭso, en la rivera supro.

Ni iris per motorŝipetoj, sep po unu ŝipeto. Nia kara Rodrigo trovis min en haveno kaj li iris kun ni al la arkeologiejo. Lia patro demandis pri la Esperanto-movado kaj pri ĝia lingva flueco. Do mi povis paroli pri la movado al li kaj al la ĉefo de la arkeologoj.

La akvo de rivero Negro havas koloron kaj guston de malforta teo. La akvo estas varmeta. Tio donas la senton, ke ĝi estas tea rivero.

La arkeologiejo estas tre interesa: plurkultura, kun ceramikaĵoj el la fazo Gvarito, el la tradicio Paredano [5], kun tre riĉa

1 Unuafoje LK publikigas tiom grandan artikolon en ununura revuo. Tio praviĝas pro la pitoreska rakontado de arkeologo, kiu travivis la vojaĝon. Kelkfoje, la rakontado, kie eĉ ne mankas piratoj, realportas al la memoro aventurojn dum la portugalaj malkovroj antaŭ 500 jaroj. La belegaj fotoj helpas la leganton elĝui ĉi tiun artikolon. (JJS)

2 Por.: *Instituto do Patrimônio Histórico e Artístico Nacional.* Brazila registara instituto, kiu prizorgas la konservon de brazila kultura heredaĵo. (RR)

3 Por.: Manaus. (JJS)

4 Por.: Praia da Lua. (JJS)

5 En la brazila arkeologio, oni nomas “tradicio” (por.: tradição) tipon de objekto (ceramikaĵo aŭ ŝtonaĵo) kaj

tipologio. Estas centoj da restoj da ujoj preskaŭ en tersupraĵo. Mi trovis pecon de poto, kiun mi lavis en la rivero. Ĝi eble estas kvinmiljara, sed mi ne povis porti ĝin pro manko de portilo.

Ni revenis al Manaŭso, kaj mi lasis la lokon en la lasta homgrupo. Jam noktiĝis, sed plenluno lumigis la riveron.

### En la ŝipo Anaklaro [6], la 25-an de oktobro 2007

Finfine ni eliris hodiaŭ de Manaŭso, post granda prokrasto, je la 11-a kaj duono. Ni vojaĝos dudek kvin horojn, se ne pluvos. Ĉirkaŭ tagmezo ni pasis la lokon, kie la rivero Negro kaj la rivero Solimono [7] kunigas siajn akvojn. Tien ni eniris. La akvo de la rivero Solimono ne estas trinkebla, almenaŭ ne de fremduloj, pro troa kvanto da mineraloj. Nia akvo, prenita el Negro, elĉerpiĝos post tri tagoj. Ni vidis kelkajn delfenojn en la rivero.

### En Laŭrosodreo [8], la 26-an de oktobro 2007

Nokte ni pasis tra Manakapuruo [9], kie la ŝipo ricevis provizaĵojn per boato, ĉefe trinkaĵojn. La vojaĝo estas agrabla. Ni prenis gvidanton en Kodaĝaso [10], ĉar la kapitano ne konas tiun parton de la rivero. La vojaĝo eble daŭros plus kvin horojn.

Amazonio ne ŝajnas al mi fremda. Ĝi estas tre simila al la ceteraj regionoj de Brazilo.



Laŭrosodreo, la katolika kirko (blanka kaj blua) kaj la protestanta (bruna kaj ruĝa). (foto de RR)

Kodaĝaso estas "lando de asaio [11]". Tie estas flosa bazaro. Ĝia plej granda vendejo apartenas al la "Blondulo de Asaio", kiu estas pursanga indiĝeno. Li indikis al ni la gvidanton.

Dum la nokto, piratoj intencis ataki nin, sed ni sukcesis foriĝi de ili sen batalo.

Ni alvenis al nia celo: la vilaĝeton Laŭrosodreo, je la 14-a kaj duono. La vojaĝo daŭris 27 horojn.

Laŭrosodreo estas komunumo de la municipo Koario [12]. Ĝi havas ĉirkaŭ 100 loĝantojn, ĉirkaŭ 20 domojn kaj tri kirkojn [13], unu katolika kaj du protestantaj. La plej granda parto el la popolo estas protestanta, kaj la kirkoj apartenas al malsamaj sektoj, kiuj disiĝis pro politikaj kialoj. Oni ne povas kapti radielsendojn kaj nur unu telefono funkcias. Ĝi havas energion por fari nur du aŭ tri telefonadojn tage. Estas granda telefona anteno. Ĝi estas ĉirkaŭ 50 metrojn alta.

---

"fazo" (por.: fase) subtipon, laŭ la nomo de la loko de la unua trovo de tiuj tipoj aŭ subtipoj. Do, la tradicio Paredano (por.: tradição Paredão) estas tipo de ceramikaĵo unue trovita ĉe loko nomata Paredano (por.: Paredão), kaj la fazo Gvarito (por.: fase Guarita) estas subtipo trovita unue en loko kun tiu nomo. (RR)

6 Por.: Ana Clara, ofta virina nomo, kiu ĉiokaze estas la nomo de unu el la ŝipoj. (JJS)

7 Por.: Solimões. (JJS)

8 Por.: Lauro Sodré. (JJS)

9 Por.: Manacapuru. (JJS)

10 Por.: Codajás. (JJS)

11 Por.: Açaí (*Euterpe oleracea*). Ĝi estas ruĝa kokuseto, malgranda kiel rozaria ero. Oni faras specon de suko el ĝi, similan laŭ koloro kaj flueco al sango, kaj ĝi havas feran guston. Tio estas la ĉefa fonto de fero por la popoloj de Amazonio. Oni manĝas ĝin kun kasavo kaj fiŝo. Ĉi tio estas la tipa ĉiutaga manĝaĵo de tiu regiono. (RR)

Kasavo: faruno el manioko; la plata pano bakita el tiu faruno. El ĝi oni produktas la kasavan bieron kaj ĉipsojn. Vidu pli en: http://eo.wikipedia.org/wiki/ (JJS)

12 Por.: Coari. (JJS)

13 Kirko: kristana preĝejo. (JJS)



Kasavo-farejo en Laŭrosodreo. Oni vidas papajujon antaŭ la domo. (foto de RR)

La vilaĝo estas malgranda, ĉefe ĉar ĝi estas je 4 horoj for de alia, sed oni diras ke ĝi estas la plej granda en la municipo Koario, post la ĉefa urbo. Ĝiaj domoj estas ĉirkaŭ placo, kie estas la ĉefa protestanta kirko kaj la malnova katolika kirko, kiun ili malfaras nun. Katolikoj kontentiĝos per kirketo ĉe la eliro de la vilaĝo, ĝis kiam ilia partio reprenos la povon en la municipo.

La vilaĝo estas tre agrabla. La plej granda parto el la domoj estas el ligno kaj ŝajnas decaj. Tie ĉi estas lernejo, restoracieto, du vendejoj kaj unu drinkejo por katolikoj. Lokaj protestantoj estas puritanaj kaj do ili ne trinkas alkoholaĵojn. Manĝo en restoracio kostas kvin realojn. La lernejo estas sufiĉe granda, kun kvar lernĉambroj kaj sportejo. Tie estis ludoj por festi la finon de la lecionperiodo de la sek-sezono. Knabo rompis la brakon dum la sportado, kaj oni demandis al ni, ĉu estas kuracisto en nia ekspedicio. Bedaŭrinde, neniu el ni estas kuracisto. Morgaŭ oni portos la knabon al la plej proksima urbo.

Diris José Maria, la posedanto de drinkejo, ke la bovviando kostas kvin aŭ ses realojn po kilogramo, kaj la porkviando kostas du aŭ tri. Tio estas sufiĉe malmultekosta.

En la rivero estas multaj rozkoloraj delfenoj. [14]

Ĉar la vilaĝo estas tre malgranda, ni dormos en la ŝipoj. Ni en la ŝipo Anaklaro, kaj la anoj de PAC-MAE-USP [15] en la ŝipo Kilua.

---

14 Rozkolora delfeno (*Inia geoffrensis)* estas rivera delfeno. (RR)

15 PAC : *Projeto Amazônia Central* (Projekto Centra Amazonio); MAE: *Museu de Arqueologia e Etnografia* (Arkeologia kaj Etnografia Muzeo); USP: *Universidade de São Paulo* (Universitato de San-Paŭlo). PAC-MAE-USP estas projekto de muzeo de Universitato de San-Paŭlo. (RR)



Ankrejo en Solimono apud Laŭrosodreo. (foto de RR)

Morgaŭ mi devos labori en la kvadrumo [16].

**En Laŭrosodreo,**

**la 27-an de oktobro 2007**

Hieraŭ nokte multe pluvis. La nokta tempesto estis interesa, ĉar la tondroj estis tro fortaj kaj sonis simile al bombo. Tio ne estis ruliĝanta sono, sed seka. La tempesto faligis multajn palmarbojn kaj preskaŭ detruis la altan riverbordon, kie estas la arkeologiejo.

Ni ne povos labori hodiaŭ, ĉar la tero estas tro malseka. Mi denove observas la vilaĝon. Ĉiaj domoj estis konstruitaj de la municipa registaro. Oni povas grupigi ilin laŭ la ornamoj de iliaj frontoj. Loĝantoj diris, ke tiuj ornamoj nenion signifas, kaj ke ili mem neniam atentis pri ili. La municipo konstruos plus 50 domojn en la vilaĝo, kvankam estas nur 20 novaj geparoj en la vilaĝo. Do, 30 el ili dumtempe restos neuzataj. Nuntempe, kiam paroj geedziĝas, ili devas loĝi ĉe boparencoj. Post la konstruo de la novaj domoj, ĉiu nova familio havos loĝejon.

Laŭrosodreo ne estas sur la mapoj, eĉ ne sur la regionaj. Malgraŭ tio, ĝi estas alloga centro por aliaj komunumoj. Infanoj vojaĝas multe por lerni tie ĉi kaj oni planas kuracejeton. La komunumo havas tiun nomon, pro tio ke granda ŝipo ankriĝis ĉi tie por aĉeti lignon antaŭ 40 jaroj. Ĝi nomiĝis Laŭrosodreo omaĝe al ŝtatestro de Parao [17].

Tie ĉi estas multaj infanoj malpli ol 7-jaraĝaj. Infanoj kaj gejunuloj devas kapti akvon ĉe la rivero kaj porti ĝin al sia domo. Virinoj lavas vestojn kaj potojn sur grandegaj

16 Kvadrumo estas la malplej granda parto de arkeologiejo. Ĝenerale ĝi havas nur kelkajn kvadratajn metrojn. (RR)

17 Por.: Pará. (JJS)



Rivereto en distrikto Anavilhanas. (foto de RR)

trunkoj, kiuj flosas sur la rivero, ligitaj per ŝnuroj al la riverbordo. Virinoj ankaŭ senherbigas la placon. Futbalo estas grava. Viroj kaj virinoj kvereletas pri la uzo de la futbalejo.

Estas primitiva kasavo-farejo tuj ekster la vilaĝo. Oni produktas malmultan maniokon. Oni bredas anasojn kaj porkojn. Krom la rivero, estas lagetoj, kie oni fiŝkaptas.

Hodiaŭ vespere pasis granda fiŝaro da pirarukuoj [18]. Dudek unu pirogoj kaj du boatoj eliris por fiŝkaptado.

Hodiaŭ mi sukcesis telefoni dum unu aŭ du minutoj. Ne estas elektro en la vilaĝo, do la telefono bezonas multajn horojn por akumuli energion por funkciado.

Ni iris al la lageto Ĝakareo [19]. Ni marŝis nur dek kvin minutojn por atingi ĝin tra la inundebla parto de la arbaro. Tie ni vidis aron da blondaj sajmirioj [20]. Ni faris unumetran truon, sen metodo, kaj alian ĉe maniokplantejo ĉe la vilaĝo. Mi trovis malgrandan ceramikaĵon tre belan, sed mi devis lasi ĝin en la arbaro. La artfaraĵoj de ĉi tiu regiono estas el la fazo Gvarito.

### En Laŭrosodreo,

### la 28-an de oktobro 2007

Hodiaŭ nokte denove estis pluvego. La ŝipŝnurego malligiĝis kaj la ŝipo preskaŭ estis forpuŝata de la rivero. Estis necese ekfunkciigi la motorojn por ke la ŝipo ne deflankiĝu.

18 Pirarukuo (*Arapaima gigas)* estas granda fiŝo (ĝis 3 metrojn longa kaj 250 kg peza), tre bongusta (ĝia gusto tre similas al gado). Ĝi estas la plej ŝatata fiŝo de Amazonio. (RR)

19 Por.: Jacaré. (JJS)

20 Por.: Macaco-de-cheiro (*Saimiri sciureus*). Ĝi estas malgranda simieto (30 cm) tre ofta en arbaroj. (RR)



Indiĝena domo. (foto de RR)

Matene ankoraŭ pluvis kaj ne estis kampa laboro. Je la 9-a horo, la anoj de la grupo PAC-MAE-USP venis al Anaklaro por kunsido, kie oni kundecidis novan laborplanon. Ili diris, ke la lokuloj ne komprenas, kial estas tiom da homoj por fosi arkeologiaĵojn, kaj ili tre multe demandis pri tio.

En la vilaĝo, la municipaj laboristoj laboras ĝis la fino de la vespero por fari ŝoseon. Ili devas fini ĝin ĝis la 9-a de novembro. Pro tio, ke en Amazonio preskaŭ ne estas ŝtonoj, ili pavimas la stratojn per brikoj. Ĉiutage alvenas ŝipo kun sablo kaj brikoj por la laboro. Hodiaŭ estas dimanĉo kaj do oni ne laboras.

Vespere ni iris per motorŝipeto al Furodoposano [21], ĉirkaŭ 10 minutojn al la rivera supro. Oni vidis kelkajn tukuŝiojn [22].

La arkeologiejo estis inter la rivereto Furodoposano kaj la rivero Solimono. Ĝi estas subĉiela arkeologiejo ĉe altaj riverbordoj. Ĝi estas ĉirkaŭ 100x150 metra, kaj ĝi havas multajn kompletajn ujojn el ceramiko. Oni devas kaŝi la objektojn for de niaj indiĝenaj gvidantoj, ĉar ili havas la naivan plezuron detrui ĉion pri kio ni miras. Ili ride mortigis birdon kaj forhakis palmon, simple ĉar ni miris pri ili. Sekve, ni ne devas montri miron pri konservindaj aferoj. Ili faras tion ŝajne pro petolo. Ni revenis ĉirkaŭ la 16-a horo.

Altaj riverbordoj estas la plej malbona afero. Estas tre malfacile supreniri kaj malsupreniri la argilajn altajn riverbordojn de Solimono, ĉar ili estas preskaŭ 10 metrojn altaj.

La akvo de la rivero Negro, kiun oni portis, finiĝis, kaj oni filtras la pezan mineralriĉan akvon de Solimono. Kelkaj homoj jam fartas malbone kaj laksas. Lokuloj uzas tiun akvon, trinkante ĝin, kaj ne malbonfartas. Ne estas multaj kuloj, do mi ne uzas kemian evitilon, eĉ

21 Por.: Furo do Poção. (JJS)

22 Tucuxi (*Sotalia fluviatilis*) estas la plej ofta delfeno en Brazilo. Ili vivas en la maro kaj en la grandaj riveroj. (RR)



Trimiljara arkeologia ceramiko en la arbaro. (foto de RR)

ĉar oni diras, ke ĝi fakte ne taŭge protektas. Hodiaŭ nokte eble pluvegos denove.

**En Laŭrosodreo,**

**la 29-an de oktobro 2007**

Pluvoj daŭras forte kaj multaj homoj, ĉefe en la ŝipo Kilua, estas malsanaj. La ŝipanaro de Kilua estas maltrankvila. Unu el la arkeologinoj rompis kruron antaŭ kelkaj tagoj kaj restas en la lito. Alice, ĉe ni, havas lakson. Hodiaŭ la kapitano iros per motorŝipeto al la urbo Koario por akiri mineralan akvon por la malsanuloj.

Oni pensis sendi la malsanulojn per la ŝipo Kilua ĝis la proksima hospitalo kaj restigi la sanulojn en Anaklaro, sed, pro la pluvegoj, oni decidis protekti la arkeologiajn kvadrumojn kaj fini la laboron ĉe Laŭrosodreo.

Hodiaŭ ni mezuris kaj mapigis la arkeologiejon. Oni uzis modernajn aparatojn, sed ne GPS, ĉar ili estas malmulte utilaj ĉi tie. Mia GPS-aparato indikas nur "ĝangaloj de Amazonio" kiel referenco.

Ni iris ĝis la domaĉo de Valdevino. Li estas lokulo, kiu trovis la unuajn ceramikaĵojn en ĉi tiu regiono. Li diras, ke la vilaĝanoj ŝtelas la objektojn por montri ilin al la arkeologoj, ĉar ili volas fieri kiel trovintoj. Vere, homoj de ĉi tiuj regionoj malmulte pensas pri mono, sed la fiero estas tre grava. La kolektaro de Valdevino estas tre interesa, kaj ĝi estas pli granda ol tiu de multaj muzeoj. La plej granda parto el la aĵoj estas trimiljaraj. Oni decidis porti Valdevinon kaj lian kolektaron al Manaŭso, por ke li konu la muzeon. Li tre interesiĝis pri la vojaĝo al la granda urbo.

Alia problemo, kiu forigas nin de ĉi tie estas la atakoj de la piratoj. Estas multaj grandaj petrolaj tankŝipoj, kiuj trairas la riveron Solimono. Ili ĝenerale rabas nur la helpboatojn, sed kelkfoje invadas la ŝipojn. Niaj ŝipoj estas grandaj, kaj tre eble piratoj jam vidis ilin. En la haveneto de Laŭrosodreo ni estas facila celo por ili.

La komunumo funebris pro la morto de maljunulino kaj ili ne kunlaboros kun ni ĝis la fino de la funebroj.

Estas multaj tukuŝioj, tukanoj kaj papagetoj ĉirkaŭ la ŝipo.

Oni eliros morgaŭ je la 9-a horo. La reveno al Manaŭso, al la rivera malsupro, estas malrapida, ĉar oni ne povas vojaĝi nokte pro la pluvegoj. Ĉiuokaze, ni alvenos al


Strando de Rivero Negro. (foto de RR)

Manaŭso ĝis la 1-a de novembro.

Ni vojaĝos tra la rivero Negro. Tie la problemo estas la malario. Ne estas malario en la blankaj akvoj de Solimono, ĉar la granda kvanto de mineraloj mortigas la kulojn, sed en la nigraj akvoj de Negro, kuloj estas oftegaj.

**En Kodaĝaso,**

**la 30-an de oktobro 2007**

Hieraŭ nokte okazis alia pluvego. Oni uzis pliajn ŝipŝnuregojn por ligi la ŝipon al la tero. Estis necese funkciigi la motorojn dum la tuta nokto por ekvilibri la ŝipon. La plej granda parto el ni ne ĝeniĝas pro tio, eĉ ne la malsanuloj. Oni sukcesis akiri kaŝason [23] en katolika drinkejo, kaj ni drinkis kaj kantis dum la ŝipanaro laboris por ekvilibri la ŝipon. Eĉ Alice kaj Alexandre, kiuj tre vomis dum la tago, drinkis multe. Tiel ili ne ĝeniĝis pro la pluvo.

Ni eliris el Laŭrosodreo je la 13-a horo, kiam la kapitano revenis de Koario. Li diris, ke la Instituto ne sendis monon al ni. Post la 25-a de oktobro ni ne uzis monon, sed ni bezonos ĝin en aliaj etapoj de la vojaĝo.

Ni alvenis al la flosa haveno de Kodaĝaso. Tiu urbo havas ĉirkaŭ 5 mil loĝantojn, plejparte indiĝenoj. La urbo havas tri stratojn paralelajn al la rivero kaj ĉirkaŭ dek transversajn. Ĝi havas telefonon kaj du internetdomojn, sed ne poŝtelefonojn. Ĝi estas havenurbo kaj tie estas multaj bordeloj kaj drinkejoj.

La ŝipo Kalua alvenis kelkajn horojn post ni. Ili diris, ke la katolika kirko estis detruata tuj post nia eliro.

Kurioze, hodiaŭ ne pluvis. Ĉiuj fartas plej bone, escepte de Ana Paula.

23 Kaŝaso: brando farata el sukerkano. (JJS)



Virinoj laboras en la rivereto. (foto de RR)

**En la ŝipo Anaklaro,**

**la 31-an de oktobro 2007**

Ĉirkaŭ la 17-a kaj duono, ni estis vidalvide antaŭ Manaŭso. Mi volis resti almenaŭ unu nokton en Manaŭso kaj uzi telefonon. Finfine mi povis aŭskulti novaĵojn per radio. Ni ankriĝis 20 km post Manaŭso, en la rivero Negro. La ŝipo havas nur unu ankron kaj ĝi cirkle moviĝas, kio estas svenigebla. Ni restos la tutan nokton tiel. Oni ne devas rigardi eksteren por ne sveni, sed resti en la lito. La antaŭnokta pluvego faligis aviadileton ĉe Manaŭso. Ni estas ĉe la buŝo de la rivero Tarumano [24]. Ĝi estas la ĉefa fokuso de malario en Amazonio, kaj eble la plej malari-danĝera en la tuta mondo. La ŝipo Kilua iris al Manaŭso.

**En la ŝipo Anaklaro,**

**la 1-an de novembro 2007**

Ni alvenis al strando de rivero Negro, ĉirkaŭ 40 aŭ 50 km de Manaŭso. Tie ĉi oni povas kapti radielsendojn kaj eĉ televid-elsendojn. Estas multaj sablodeponaĵoj en la rivero, kaj la ŝipo ektuŝis iujn. Kelkaj homoj malsaniĝis kaj ni ricevis medikamentojn hodiaŭ el Manaŭso.

Ni iris matene per motorŝipeto al la buŝo de la rivereto Tupeo [25]. Ni saltis en la strandon kaj marŝis 500 metrojn ĝis la indiĝena vilaĝeto, kie oni trovis malnovan ceramikan ĉerkon. En la antaŭirejo de la vilaĝeto, oni povas vidi multegajn arojn de ceramikaj ujoj de la fazo Paredano, klare rekoneblaj.

La vilaĝo estas bone organizata. Indiĝenoj

24 Por.: Tarumã. (JJS)

25 Por.: Tupé. (JJS).



Ni atendas antaŭ indiĝena vilaĝo. (foto de RR)

demandis, kiuj ni estas kaj kion ni volas [26]. Ili estas alkutimiĝintaj al vizitoj kaj bone konas siajn rajtojn. Ili ne permesis al ni eniri la vilaĝon, sed ili ricevis nin ĉe granda kabano antaŭ ĝi, adekvata al la vizitantoj. La vilaĝestro konis antropologinon, kiu estis kun ni, kaj li diris ke ŝi jam estis ĉe ili. Ŝi verkis libron pri ili, sed ŝi ne portis la libron al ili. Do ili postulis, ke ŝi montru la libron antaŭ ol esti ricevata en la vilaĝo. La ĉefo de la Instituto en Manaŭso diris, ke ili memoru, ke li donis al ili generatoron antaŭ du jaroj, sed ke ili pravis pri la libro, kaj do li iris al Manaŭso por preni la librojn.

Male de la rivero Solimono, kiu havas argilajn altajn riverbordojn, la rivero Negro kaj ĝiaj apudaj riveretoj havas blankajn sablajn strandojn. Grava danĝero de rivero Negro estas la rajoj [27]. Ili estas venenaj kaj kelkfoje atingas la piedojn de tiuj, kiuj baniĝas en la riveraj strandoj.

Ni atendis kelkajn horojn en la agrablaj strandoj de la rivereto Tupé. La ĉefo revenis kun la libroj kaj ĉemizoj. Li, mi kaj aliaj tri homoj reiris al la vilaĝeto kaj donis al la lokuloj la donacojn. Ili rigardis la librojn scivoleme kaj ekuzis la ĉemizojn. Malmultaj el ili scipovas legi, sed mi ne certas, ĉu sufiĉe por kompreni sciencan libron. Finfine, ili montris al ni la trovejon de la ceramika ĉerko.

Vespere ni daŭrigis la vojaĝon tra la rivero Negro kaj nokte ni ne plu sukcesis kapti radielsendojn.

26 La indiĝenoj de Brazilo parolas nur la portugalan aŭ estas dulingvaj. Multaj el ili parolas ankaŭ la francan, la hispanan aŭ la anglan, ĉefe tiuj kiuj vivas apud la landlimoj. Indiĝenoj, ĝenerale, tre emas koni multajn lingvojn. Estas tribo ĉe Venezuelo, kiu estas konata kiel "la lingvistoj de Amazonio", ĉar por ili la plej ŝatata kvalito estas koni fremdajn lingvojn. (RR)

27 El la familio *Potamotrygonidae.* (RR)



Vilaĝo Pagodano. Vidu ĵaguaran felon ĉe la domo. (foto de RR)

### En la ŝipo Anaklaro, la 2-an de novembro, 2007

Ni iris al la insularo Anaviljano [28]. Ni ekkonis la komunumon Pagodão, en la distrikto Anavilhanas, en la municipo Manaŭso. Pagodão estas la ĉefa komunumo de la distrikto Anavilhanas. La vilaĝo havas ĉirkaŭ 20 loĝantojn kaj estas ĉe la rivero Paranao de Pagodano [29]. Nenio interesas al ni tie. Per rapida ŝipo, ni estas nur kvin horojn for de la urbo Manaŭso.

La ŝipo estas plena je potooj [30]. Mi mem mortigis kvin el ili. Multaj homoj estas venenigitaj de ili, kaj tio estas tre malbonfartiga por tiuj, kiuj unuafoje estas ĉi tie.

Vespere ni alvenis al la distrikto Itacapuru [31], en la municipo de Itakapuruo, kie funkciis fama leprulejo [32], nun ruiniĝinta. Ĝi estas vilaĝo sur alta riverbordo, kiun oni alsupras tra ŝtuparo. Ĝi havas ankaŭ strandon. La hodiaŭaj vizitoj ne havis sciencan celon. Ni estas ĉirkaŭ 10 km for de la urbo Manaŭso, kiu estas videbla sur alia riverbordo. Ni ne finis la vojaĝon, ĉar la Instituto kontraktis la ŝipon ĝis morgaŭ. Tie ĉi estas telefono. Ĉi tiu vilaĝo havas tervojon al Manaŭso. Mi vidis du aŭtomobilojn. Tion mi ne vidis de antaŭ multaj tagoj.

### Konkludo

Post alveno al Manaŭso, ni restis ankoraŭ kvin tagojn en la urbo por partopreni internacian kongreson pri amazonia arkeologio. Dum tiu periodo, la ĉeestado de Rodrigo estis utila al disvastigado de Esperanto, ĉar ni ofte kajmanis. Unu el miaj kolegoj demandis al li, ĉu ni vere interkompreniĝis. Mi pensas ke niaj longegaj babiladoj forte konvinkis lin pri la komunikebleco de Esperanto. Ω

28 Por.: Anavilhanas. (JJS)

29 Por.: Paraná do Pagodão. (JJS)

30 Potoo *(Paederus irritans)* estas venena insekto de la nordo kaj nordoriento de Brazilo. Ĝi ŝvitas venenon, kiam oni premas ĝin, ofte dum la dormado. Tiu veneno estas kaŭstika kaj kaŭzas vundojn, kiuj resaniĝas nur post du monatoj. (RR)

31 Por.: Itacapuru. (JJS).

32 La lepro estas ofta en Brazilo. Oni pensas, ke ĉirkaŭ 85 mil brazilanoj estas malsanaj nun. (RR)